# BOLETIN

## DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

AÑO VI N.° 7 (67) JULIO, 1954



## ¡AL XV CONGRESO!

**El inminente Congreso que, dentro de pocos días, se celebrará en Zaragoza, no tiene, para los esperantistas españoles, la simple significación de ostentar un guarismo más en la serie de los congresos celebrados en nuestro país. Maduro ya en España el movimiento esperantista de la postguerra y habiendo conquistado, fuera de ella, la atención y consideración de las altas esferas internacionales, toda manifestación externa de nuestra actividad tiene, en estos momentos, un relieve insospechado y trascendente.**

**El número de congresistas, su nivel lingüístico, la sensatez, orden y labor constructiva de nuestras reuniones; el fruto de nuestros esfuerzos y nuestro grado de preparación para, en caso necesario, asumir la pesada, pero agradable tarea de esperantizar a nuestro país, son aspectos de nuestro movimiento, que han dejado de pertenecer a nuestro simpático, pero exiguo ambiente social.**

**Debemos tener presente, de hoy en adelante, que se nos observa, escruta y juzga. A este hecho debe ajustarse toda nuestra actividad esperantista, y no debemos regatear esfuerzo**

BOLETIN
de la
FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA
BULTENO
DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO
VALENCIA
Redakcio: Str. Pelayo, 7, 1.ª
Adresoj de la Federacio
Sidejo: Str. Ruzafa, 7 (Casa Chaume)
Oficejo: Str. Pelayo, 7, 1.ª
Telefonoj: 19532 kaj 53579
Oficej-horoj
9 ĝis 13'30 kaj 15 ĝis 20
Sabate: nur 9 ĝis 13
Kunvenejoj
Marde: Str. Ruzafa, 7 (Casa Chaume)
De la 22'30 ĝis 24
Sabate: Montepio de la Dependencia Mercantil
Str. San Vicente, 67, 1.ª
De 15'30 ĝis 18
Kotizoj de la Federacio
Simpla membro: 15 pesetojn jare
Membro-abonanto: 40 pesetojn jare
Membro-subtenanto: 75 pesetojn jare
La membroj de la du lastaj kategorioj ricevas la Bultenon. La subtenantoj ricevas du ekzemplerojn.
Eksterlanda abono al la Bulteno: 40 pesetojn jare
Monsendojn adresu al:
S-ro Ernesto Hurtado
Str. Pelayo, 7, 1.° - VALENCIA

**ni sacrificio para que la opinión sobre el Esperanto y los esperantistas sea tan alta como merece nuestra idea idiomática.**

**Si a esto añadimos que los simpáticos samideanos de Zaragoza se han desvivido por organizar un programa, que de antemano podemes calificar de incomparable, no podemos menos que incitar a todos los que sienten la noble ilusión esperantista, a que asistan al Congreso y lo valoricen con algo más que su presencia: con su participación efectiva y su aliento moral.**

**Así, pues, esperantistas españoles, todos a Zaragoza.**

## ESPERANTISTA FESTO EN MOYÁ

Okazis festo okaze de la kursfino, kun granda sukceso. Paroladis S-anoj R. Molera kaj H. Gransch (germana honora gasto). Deklamis jenaj gesamideanoj: Rosina Armengol, Marciana Monsech, Nuri Fonts, Manuel Alsina, Pere Cantó, Pere Trullá, Joan Galindo kaj Antoni Viñas. S-ro J. Armadans prezentis konkurson kun premioj, la muzikludantoj de la Skolta Grupo ludis diversajn melodiojn, S-ano Josep Solá legis la jarraporton de la Esperanto-Grupo, kaj la festo finiĝis per agrabla trinkado de ĉampano «Verda Stelo» kaj komuna kantado de «La Espero».



# HEF

## FEDERACIAJ KOMUNIKOJ

### EKZAMENOJ

Kiel anoncite, dum nia Kongreso okazos ekzamenoj pri Lingva Kapablo kaj Instruista Kapablo. La kandidatoj devos peti sian enskribon kiam ili ricevos la kongresan dokumentaron ĉe la Akceptejo, indikante ĉu ili deziras partopreni la ekzamenon por la unua aŭ por la du gradoj. Oni devos pagi 10 pesetojn por ĉiu grado. La du ekzamenoj okazos sinsekve, kaj komprenеble oni ne ricevos la aprobon por la dua se la ekzameno por la unua estis malsukcesa. La taskoj konsistos en diktaĵoj, kiujn oni devos traduki en limigita tempo. Tiuj taskoj estos juĝataj post la Kongreso kaj la kandidatoj estos informataj pri la rezulto. Por ricevi la koncerna(j)n diplomo(j)n, oni devos pagi 15 pesetojn por ĉiu grado. Ĉi tiu sumo estu sendata al la Federacio, sed oni ne faru tiun pagon antaŭ la ricevo de la informo, ke oni sukcesis. Poste ni ekspedos al ĉiu sukcesinta kandidato la diplomo(j)n. Ni petas al la kandidatoj, bonvole sin prezenti provizitaj per fontoplumo aŭ inkokrajono. Pri papero la Komisiono provizos.

## KURSFINA EKSKURSO

**Post la fino de la Esperantokursoj, gviditaj de la instruistoj S-anoj Luis Hernández kaj Emilio Prades, ĉe la Valencia Esperanto-Klubo, la lernintoj kun familianoj kaj S-anoj Hernández kaj Vizcaíno (instruinto de antaŭaj kursoj) faris ekskurson la 29-an de Junio al la fama monto El Garbí. La ekskurso estis tre agrabla kaj S-anoj Hernández kaj Vizcaíno profitis la okazon por paroladi al la partoprenantaro, la unua en serioza maniero kaj la dua spritŝerce, t. e. ĉiu laŭ sia konata kutimo. Al la kursfinintoj ni deziras, ne forgesi la bonajn ricevitajn instruojn, kaj klopodi ellerni la lingvon por fariĝi mem instruistoj.**

## VIVO SAMIDEANA

**Al Gesamideanoj Marco Aurelio Perles Sifre kaj Pepita Moncho Buigues, en Miraflor, Alicante, naskiĝis la unua filo, Vicente. Al la feliĉaj gepatroj kaj al la ne malpli feliĉa avo, S-ano Vicente Perles Moncho, niajn plej korajn gratulojn.**

**S-anino Jozefino Riera, el Barcelona, edziniĝis kun la germana S-ano Herman Gransch. Ni kore gratulas.**

**Ĵus mortis la patro de S-ano Manuel Fernández Méndez, el Ferrol del Caudillo. Ni sendas al li nian sinceran kondolencon.**

# RAPORTO DE LA ESTRARO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO PRI LA LABORPERIODO JULIO 1953 - JUNIO 1954

Jen priskribo de la agado de nia Federacio dum unu jaro. Kiel sciate, en la kadro de nia asocio funkcias kelkaj Servoj kaj Sekcioj. Pri la unuaj ni povas diri, ke ili jam laboras pli ol unu jaron kun bonaj rezultatoj. Rilate la aliajn, kelkaj ankaŭ jam funkcias, la ceteraj estas nun en periodo de organizado kaj baldaŭ komencos agi. Per la fondo de la menciitaj fakoj ni celis iom malŝarĝi la valenciajn samideanojn je granda parto de la federaciaj taskoj kaj samtempe uzi la laboremon de kelkaj aktivaj, kompetentaj kaj entuziasmaj samideanoj loĝantaj for de nia sideja urbo, kiuj montris sian deziron kunlabori. Ĉiujn agadojn ni priskribas en ĉi tiu raporto.

## ADMINISTRADO

S-ro Santamaría daŭras kiel Sekretario, sed tial ke lia privata laboro estas tre granda kaj sekve li ne povas plenumi ĉiujn sekretariajn taskojn, S-ro Hurtado anstataŭis lin rilate la plimulton de la laboro kaj krome li zorgas pri la financaj aferoj. Transpreninte ambaŭ taskojn, li laboras sub la nomo de Administranto.

La membraro iom malkreskis pro diversaj kaŭzoj. Kelkaj membroj memvole eksiĝis kaj aliajn ni bedaŭrinde devis eksigi pro ne plenumo de la unua membreca devo, kiu estas pagi la kotizojn. Sen tiu kondiĉo la Federacio ne povus vivi, kaj konsciaj esperantistoj tre bone konas tion.

Tamen ni faras ĉion, kio estas al ni ebla por pliigi la membraron. Antaŭ unu jaro ni prezentis proponon kun tiu celo. Ni diris, ke la varbado estas tasko de la lokaj kluboj, ĉar ili povas iom altigi la kutiman monatan kotizon de siaj membroj, por ke la diferenco utilu kiel kotizo de individua ano de la Federacio. La kluboj povus propagandi por tio kaj, kvankam eble parto de ĝia anaro ne konsentos, ni opinias ke la plimulto konformiĝos kaj tre volonte subtenos la Federacion. Jam ekzistas kelkaj kluboj, kiuj faras tion, kun kontentigaj rezultatoj, sed ankoraŭ restas granda nombro ne adoptinta la sistemon. Ni ree petas ĉiujn klubojn atenti nian proponon.

## BULTENO

Pro la memvola eksiĝo de S-ro Luis Hernández, ni devis anstataŭigi lin. La anstataŭanto estas S-ro J. Bosch, kiu, konfesante ne havi sperton en tia laboro, tamen konsentis kiel provo, ne havante pravigajn motivojn por rifuzi, tial ke li havis iom pli da libera tempo ol aliaj samideanoj pli ŝarĝitaj de privata laboro. Feliĉe por li, la mekanismo jam estis pretigita de S-ro Hernández pro lia kvinjara sperto. La antaŭa redaktoro devis lukti kontraŭ amaso da malfacilaĵoj. Li devis ŝanĝi kelkfoje je presejo, kaj en ĉiu fojo novaj kompostistoj devis lerni, ĉar ili ne estis kutimitaj komposti esperantaĵojn. Al la nova redaktoro ni donis nian konfidon kaj dankas lian konsenton, kiu forprenis de ni la zorgojn, kiel trovi solvon al nia malfacila situacio. En la gazeto li faris malgrandajn ŝanĝojn. Malaperis la kutima rubriko de la Legema Koboldeto, sekvo de la eksiĝo de S-ro Hernández, ĉar estis li kiu tiel majstre ĝin redaktis. Ĝi estis anstataŭata de la nova Kalejdoskopo —rigardo al la Esperanto-gazetaro— en kiu oni reproduktas la plej interesajn artikolojn ĉerpitajn el la esperantaj gazetoj. Oni ampleksigis la sekciojn Enigmoj kaj La Lernejo, kun premioj, por instigi la legantojn al la ellerno de nia lingvo, ĉar tio estas la ĉefa celo de la nova redaktoro. S-ron Bosch helpas D-ro Herrero kaj S-ro Hurtado per interesaj verkaĵoj kaj publikindaj sciigoj.

## LIBROSERVO

Pri ĉi tiu fako zorgis S-ro Bosch ĝis sia redaktoriĝo kaj S-ro Jaime Juan Forné transprenis ĉi tiun gravan taskon, tiel utilan por la instruo de la lingvo. En Januaro oni eldonis libroliston, kiu estis dissendata kun la bulteno de la sama monato. Per tio la nombro da mendoj

pliiĝis, sed ankoraŭ ne atingis nivelon proporcian kun la cifero de la hispanaj samideanoj. La plej granda kvanto da mendoj konsistas en lernolibroj kaj vortaroj; mendoj pri legolibroj kaj literaturaj verkoj tre malofte alvenas al nia oficejo. Ĉu nia samideanaro ĝenerale ne interesiĝas pri la esperanta literaturo? Aŭ ĉu la esperantistoj jam tiel bone scipovas la lingvon, ke ili ne bezonas pliajn esperantolegaĵojn por sin distri kaj samtempe perfektigi siajn lingvokonojn? Nia membraro respondu tiujn demandojn.

## VORTARO

En la Kongreso de 1952 komenciĝis la prepara laboro por la eldono de la tiom bezonata vortaro hispana-esperanta, kaj oni komisiis S-ron Luis Mimó, de Sabadell, por ke li kun la helpo de aliaj aktivaj kaj kompetentaj samideanoj, okupiĝu pri la pretigo de tia vortaro. Tial ke D-ro Ernesto Tudela, de Valencia, de antaŭ nelonge ankaŭ okupiĝas per la preparado de vortaro, oni interkonsentis transdoni al S-ro Mimó la materialon de D-ro Tudela, jam preta, kaj ankaŭ la ceteran kiam ĝi estos ankaŭ finita. La celo estis atingi per la laboro de multaj samideanoj kiel eble plej ampleksan materialon por havi plenan vortaron. Oni komprenas ke la preparo de tiu vortaro estas afero pri multege da laboro kaj tempo. Sed tial ke la bezono pri vortaro sentiĝas tre akre, ni opiniis ke pli longe sen vortaro ni ne povas esti, do urĝas eldoni iun, kvankam ne plenan, sed tuj. La plenan vortaron ni havos kiam tio estos ebla. Sekve ni komisiis D-ron Tudela finpretigi sian materialon. Tiucele li komencis labori, kun la helpo de D-ro Herrero, S-ro Hernández kaj S-ro Bosch, kaj la tasko per kiuj ili nun sin okupas estas la elektado de tiuj vortoj indaj aperi en la planita vortaro, ĉar la kolektita nombro da ili ankoraŭ estas tro ampleksa kaj necesas ĝin malgrandigi. Samtempe oni revizias, kaj tiu laboro estas longa ĉar pri multaj vortoj estiĝas diskutoj kaj interŝanĝo de opinioj por fiksi la plej taŭgan tradukon. Ni ne povas antaŭfiksi la daton kiam ĉio estos preta, sed ni certigas al la esperantistaro ke la menciitaj samideanoj strebe laboradas. Per la bulteno ni daŭrigos informi vin.

## GAZETARA KAJ RADIA SERVO

S-ro Darío Rodríguez, de Madrid, daŭras kiel gvidanto de ĉi tiu interesa propaganda Servo. Ĝia raporto enhavas la agadon ekde 1-a de Januaro 1953 ĝis 30-a de Aprilo 1954. Jenaj eldonaĵoj estis dissendataj al 141 gazetoj kaj 79 radiostacioj: artikolo de Prof. Edmond Privat, «El Esperanto en primer plano de la actualidad»; informo de HEF al la Ministro pri Nacia Edukado; afiŝo de la 14-a Hispana Kongreso de Esperanto, en Bilbao; artikolo de S-ro José Ezquerra, «Por qué los ciegos aprenden el Esperanto?»; artikolo de Prof. W. E. Collinson, «Tres creadores de idiomas», kaj la kovrilo de «Boletín» de Marto 1954. Entute estis dissendataj 1200 ekzempleroj.

Aperis 72 artikoloj pri Esperanto en hispanaj gazetoj kun esperanta rubriko kaj 59 en gazetoj sen tia rubriko. En jenaj gazetoj konstante aperis rubriko pri Esperanto: «Voluntad», kies rubrikon redaktas S-ro Sacramento Collado Llana; «Alhambra», redaktoro S-ro Ramón Molera; «Radiovisión», redaktoroj S-ro Daniel Santano kaj alia samideano tiel modesta, ke li deziras ke lia nomo restu en la anonimeco. Ankaŭ tre ofte aperis artikoloj pri Esperanto en la gazetoj «La Tosca», verkitaj de ĝia redaktoro S-ro Ramón Molera, kaj «Ecos del Nalón», verkitaj de la fratoj Alcibiades kaj Adonis González Meana. S-ro Dalmau, delegito de UEA en nia lando, aperigis artikolojn en la kataluna gazetaro. Krome estis publikigataj intervjuoj kun S-ro Dalmau kaj kun S-ro J. López Herrero. S-roj A. Escamilla kaj S. Arizmendi publikigis artikolojn en la gazetaro de siaj respektivaj regionoj. Laŭ niaj informoj, ankaŭ aliaj gazetoj aperigis artikolojn pri nia lingvo, sed niaj samideanaj legantoj neglektis sendi ekzemplerojn al ĉi tiu Servo. Do ni petas insiste, ke oni sendu al ni ekzemplerojn pri ĉiaj publikigaĵoj aperigantaj ion pri nia internacia lingvo. Kelkfoje gazetaj artikoloj estis malfavoraj al nia ideo, kaj ĝenerale tio okazis kiel reakcio kontraŭ antaŭaj verkaĵoj, kiuj ne estis akompanataj de la fortuno. Ni dankas la klopodojn kaj la bonan intencon de niaj propagandemaj samideanoj verkantaj artikolojn por la

gazetaro, sed ni devas konsili al ili, esti tre singardaj kaj ne liveri al la ekstera publiko argumentojn, kiuj poste, tre lerte prezentitaj kun malica intenco, povas esti uzataj kontraŭ ni.

Ses radiostacioj komencis esperantajn elsendojn: Radio SEU, de Madrid, sub la gvido de S-ro Darío Rodríguez; bedaŭrinde ĉi tiu stacio ĉesigis siajn Esperanto-elsendojn en pasinta Februaro; Radio Juventud, de La Coruña, kies Esperanto-fakon gvidas S-ro Ortega Becerra; Radio Unión, de Barcelona, havanta kiel redaktoron de siaj programoj en Esperanto S-ron Juan Viver; Radio Manresa, kun redaktoro S-ro P. Saumell Vila; Radio Tarragona, kies redaktoro estas S-ro José María Güell Socias, kaj fine Radio Alerta, de Valencia, kies interesajn programojn tre kompetente redaktas D-ro Rafael Herrero; li havas kiel helpantojn S-rojn Candela kaj Collado. Bedaŭrinde ĉiuj stacioj, kiuj konsentis meti en siajn programojn Esperanto-rubrikon, ne estas potencaj, tiel nur aŭdeblaj de proksima ĉirkaŭaĵo. Tamen ili tre efike propagandas la internacian lingvon. Ni petas la redaktorojn de ĉiuj Esperanto-elsendoj, sendi al ĉi tiu Servo informojn pri la programoj kaj pri la nomoj de la prelegantoj. Ankaŭ estas tre konvene, ke ĉiuj aŭskultantoj skribu al la koncernaj stacioj, informante pri bona aŭdado kaj esprimante siajn opiniojn pri la elsendoj, ĉar tio kuraĝigos la estrojn, daŭrigi kaj plibonigi la Esperanto-fakon.

## INFORMA KAJ KUNORDIGA SERVO

Kiel ni jam informis pere de nia «Boletín», S-ro Hernández Llusera, de Sabadell, lasis la gvidon de ĉi tiu Servo, kaj estis anstataŭata de la Klubo «La Verda Kolombejo», de Ciaño-Santa Ana, Asturio, kies Sekretario estas S-ro Adonis González Meana. Ĉi tiu Klubo eldonas ciklostilitan bultenon «Heleco» kun rubriko dediĉata al la IKS. Ĉiuj lokaj HEF-delegitoj ricevas tiun bultenon. Oni atingis jam nombron da delegitoj, sed ankoraŭ restas granda kvanto da lokoj kie ekzistas esperantistoj sen ĝia koncerna delegito, tial la Servo alvokas la tutan landan esperantistaron, por kompletigi la densan reton, kiun ni celas.

## KURSOJ PER KORESPONDADO

Ĉi tiun Servon gvidas S-ro Ramón Molera, kaj danke al liaj laboro kaj persisto la nombro da lernantoj kreskas kvankam ĝi ankoraŭ estas malgranda. Nun 62 lernantoj uzas ĉi tiun metodon, kaj ni jam ekspedis diplomojn al kvar lernantoj kiuj finis la kurson kun sukceso. Ni dissendis 1.500 prospektojn pri ĉi tiuj Kursoj kaj ankaŭ propagandcele ni dissendis multajn ekzemplerojn de la Informo de HEF al la Ministro de Nacia Eduko kaj de la kovrilo de «Boletín» de Marto 1954. La Kursoj eĉ vekis intereson en Suda Ameriko kaj ni ricevis multajn demandojn el tiuj landoj pri la maniero lerni Esperanton. Ni ĉiam direktis la informpetintojn al la respektivaj landaj asocioj, kvankam oferante nian Servon se ili preferus uzi nian sistemon. Al tiuj finintaj la Kurson ni donacas jarkotizon al HEF kiel membroabonantoj, kaj se ili jam estas membroj, ricevas libron. Ni dankas ĉiujn helpantojn kiuj varbis lernantojn por ĉi tiuj Kursoj, kaj ni deziras ke ili daŭrigu tiun varbadon. Se ankaŭ ĉiuj esperantistoj agus same, la nombro da lernantoj multe kreskus.

## SEKCIOJ

Funkcias la jenaj: Kuracista, sub la gvido de D-ro Rafael Herrero; Katolika, gvidata de S-ro José Guzmán. La Filatelista estas nun en periodo de organizado, kaj en ĝi kunlaboras S-roj Evaristo Gil, Ramón Molera kaj E. Moreno Medrano. Espereble dum la Kongreso fondiĝos la Sekcioj Instruista kaj Fervojista, por kiuj preparaj laboroj estas farataj. Ĉiuj ĉi Sekcioj estas tre interesaj, ĉar ilia celo estas propagandi Esperanton en la koncernaj medioj.

## KONGRESOJ

Estas pruvita fakto, ke la kongresoj havas grandan valoron rilate la propagandan efekton al la publiko. Gazetaro kaj radiostacioj raportas pri ili kaj Esperanto sonas tre efike en la kongresaj urboj kaj,

al paĝo 68.




# LA VOĈO DE L' KONGRESO

**XV-ª Hispana Kongreso de Esperanto**
**24 - 27 Julio 1954**

**Adreso de la Organiza Komitato:**
**Santa Isabel, 10 - ZARAGOZA**

## DEFINITIVA PROGRAMO

*23 Julio — Vendrede.*

Dum la tuta tago, akcepto de la kongresanoj kaj disdonado de la koncernaj dokumentoj, en la Akceptejo. (Medicina Fakultato).
Je la 23,00. Interkona vespero en la salonoj de «Agrupación Artística Aragonesa».

*24 Julio — Sabate.*

Je la 10,30. Rendevuo de la kongresanoj en Placo «Sto. Domingo», antaŭ la Urbodomo.
Je la 11,00. Oficiala akcepto de la Urbestro de Zaragoza.
Je la 12,00. Oficiala fotografado antaŭ la Medicina Fakultato.
Je la 12,30. Solena malfermo de la Kongreso en Paraninfo de Medicina Fakultato.
Je la 18,00. Unua laborkunsido en prelega salono de Scienca Fakultato.

*25 Julio — Dimanĉe.*

Je la 10,00. Solena Meso, kun prediko en Esperanto, en la preĝejo de «San Carlos». La Diservo estos dialogata en Esperanto.
Je la 11,30. Vizito al la Muzeo de la Katedraloj.
Je la 18,00. Vizito al la urbo en diversaj grupoj.
Je la 20,00. Literatura Vespero en koncertsalono de «Caja de Ahorros».
Je la 22,00. Oficiala Bankedo kaj Folklora Festo en la Festsalono de A. M. S. A.

*26 Julio — Lunde.*

Je la 10,00. En salonoj de Medicina Fakultato okazos la fakaj kunsidoj pri kuracistoj, instruistoj, katolikoj, filatelistoj, fervojistoj kaj aliaj.
Je la 17,00. Dua laborkunsido en prelegsalono de Scienca Fakultato.
Je la 20,00. Oficiala Fermo de la Kongreso.

*27 Julio — Marde.*

Tuttaga ekskurso al la Monakejo de la rivero «Piedra», per aŭtobusoj.
Posttagmeze, adiaŭa festo en la sama loko.

---

## TAGORDO POR LA MALFERMO KAJ LABORKUNSIDOJ

### MALFERMO

**Vortoj de la Prezidanto de la Organiza Komitato.**
**Vortoj de la Prezidanto de Hispana Esperanto-Federacio.**
**Legado de salutleteroj kaj telegramoj.**
**Salutvortoj de diversaj hispanaj delegitoj.**
**Salutvortoj de diversaj eksterlandaj vizitantoj.**
**Elekto de la kongresa Prezidantaro.**

### LABORKUNSIDOJ

**Raporto de la Estraro de HEF.**
**Proponoj pri kandidataro por nova Estraro.**
**Proponoj pri venontjara Kongresa urbo.**
**Ĝeneralaj demandoj kaj proponoj.**
**Fermaj vortoj de la Kongresa Prezidanto.**

# LETEROJ AL VIZITONTOJ

III



Palaco de la duko Luna

Eble kiam vi venos al la XV-a Kongreso, estos via deziro viziti krom aliajn religiajn vidindaĵojn, malnovajn palacojn. Via deziro povos esti facile plenumata, ĉar en Zaragoza ankoraŭ ekzistas iaj malnovaj nobeldomoj. Ja pro urbaj plibonigoj oni devis detrui kelkajn, precipe dum la lasta jardeko; sed feliĉe restas multaj, inter ili la plej rimarkindaj. Vekos vian atenton la sobreco de la fasadoj, la ordinara manko de ŝtono kaj la uzado de brikoj por tiaj konstruaĵoj; kaj ĉefe altiros vian admiron la trogoplafonoj de la salonoj kaj la tegmentorandoj. Esceptan rimarkindan ŝtonfasadon havas la palaco de la duko Luna (strato Coso). Tegmentorandoj notindaj estas tiuj de la palacoj de Pardo (strato Espoz y Mina), Real Maestranza (strato Dormer) kaj grafo Argillo (placo de S. Felipe). Pri la tegmentorando de la laste menciita palaco, antaŭ multaj jaroj oni asertis, ke ĝi ne estas la ligna originalo sed betona reproduktaĵo; sed poste oni povis facile konstati, ke tia aserto estas falsa. Kian signifon havas tiaj elstaraj tegmentorandoj? Se vi memoras ke, escepte de la fasado de la palaco de Luna, ĉiuj aliaj estas brikaj, facile vi venos al la konkludo, ke tiaj tegmentorandegoj celas eviti ke la pluvakvo malsekigu la brikajn murojn, ĉar ĉi tio rezultigus la aperon de la malbelaj malsekmakuloj en la ĉambroj kaj, kio estas pli grava, la detruadon de la muroj mem pro ŝvelo de la gipsa algluilo de la brikoj.

Sed ankaŭ alian funkcion plenumas ĉi tiuj strangaj akcesoraĵoj: Ordinare, la supra etaĝo de tiaj domoj estis destinata por dormoĉambro kaj laborejo de la servantaro. Oni devis, do, eviti dumsomere ke la suno trovarmigu tiajn domopartojn, kaj samtempe estis dezirinde, ke dumvintre la sunradioj eniru kiel eble plej profunden. Tion ja oni atingis per tiaj tegmentorandoj, profitante la diversan altecon de la suno. Kompreneble, en la ĉefa etaĝo la aranĝon pri varm— aŭ malvarmigado oni solvis per moveblaj antaŭfermiloj de la balkonoj; sed tiu aranĝo postulis preskaŭ konstantan atenton, tute ne eblan en la servantaraj ĉambroj.

Pri la trogoplafonoj, nur oni povas pensi, ke ili estas la natura rezulto de la deziro plibeligi kaj ornami la plafonan trabaron. Nur poste oni pensis pri la granda utilo de la izoligaj aeroĉambretoj rezultantaj de la ebena plafono. Ĉiu persono, kiu ŝatas la arton, povas facile ĝui, rigardante la kvar artegajn trogoplafonojn de la palaco de Osera (strato Espoz y Mina, 16), ĉar du el ili apartenas al duonpublika salono kaj la du aliajn gardas la ŝparkaso de «la Inmaculada», en la sama strato, kaj la estraro de la kaso afable ilin montras.

*Eŭma.*

---

## ESPERANTO-TAGGAZETO DUM LA UNIVERSALA KONGRESO

Dum la 39-a Universala Kongreso en Haarlem aperos Esperantlingva tagĵurnalo. Ĉi tiu ĵurnalo aperos ĉiun labortagon dum la Kongreso, unuafoje je sabato la 31-a de Julio 1954. Krom informoj kaj raportoj pri la Kongreso kaj ĝiaj subfakoj, la ĵurnalo ankaŭ enhavos la plej gravajn novaĵojn el la tuta mondo, ricevitajn ĝis la 13-a horo de la sama tago. La ĵurnalo aperos posttagmeze je la 17-a horo. Por ĉi tiu eldonado la presejo provizore ricevos teleks-interligilon. La gazeto do estos ekstreme aktuala.

Ĉi tiu estas la unua fojo en la historio de la Esperanto-Kongresoj, ke tia eldonaĵo efektiviĝos. Dum antaŭaj kongresoj foje okazis, ke lokaj gazetoj aperis kun Esperantlingva paĝo serve al la alilandaj kongresanoj. Kompreneble la Kongreskomitato tre ĝojas pro ĉi tiu nova solvo por la diskonigo de la novaĵaro, ĉar memkompreneble per tio kreiĝis pli grandaj ebloj.

**El la nederlanda gazeto «Rivovo», Haarlem.**

el paĝo 65.

kvankam en pli malgranda proporcio, en la tuta lando. Precipe en la kongresaj urboj vekiĝas granda intereso por nia ideo, kaj novaj samideanoj naskiĝas. Nur tio jam meritas, ke ni organizu kongresojn ĉiujare. Niaj landaj kunvenoj akiras jaron post jaro pli altan rangon, rilate organizadon kaj sukceson. Pasintan jaron Bilbao estis la kulmino kaj ni esperas ĉijare, ke Zaragoza gajnos la rekordon. En la venonta kongreso okazos literatura konkurso, kion ni konsideras tre grava por ke la verkistoj montru sian kapablon kreante belaĵojn kaj la samideanaro ĝuu la arton de la verkaĵoj. Ankaŭ —kaj unuafoje— okazos ekzamenoj pri lingva kapableco kaj pri lingva instruisteco, kion ni konsideras tiom grava kiom la literatura konkurso, aŭ eĉ pli. Ni opinias do, ke la hispana samideanaro konscios pri la neceso de niaj tutlandaj renkontoj kaj aprobos nian decidon daŭrigi ilin en ĉiu jaro. Ni ĉi tie deziras danki la klopodojn de ĉiuj ĝis nun agintaj organizaj komitatoj, kies entuziasmo kaj sindono indas je la admiro de la tuta hispana samideanaro.

## ESTRARO

Laŭ nia statuto, en la komenco de ĉi tiu jaro la Estraro devis eksiĝi kaj esti anstataŭata de alia, kiun la membraro elektu; sed kiel ni informis per cirkulero en Novembro 1953, ni rimarkis en la valenciaj samideanoj kondukantaj la Federacion, ian deziron ke aliurbaj esperantistoj transprenu ĝian gvidon, kaj sekve ni proponis ke la nuna Estraro daŭrigu sian funkcion ĝis la Kongreso kaj ke ĉi tiu decidu al kiu urbo la Federacio devos translokiĝi. Ni prokrastis la baloton, tial ke laŭstatute la Prezidanto, la Sekretario, la Kasisto kaj unu voĉdonanto devas esti loĝantoj de la sideja urbo de nia asocio, do ni ne povis elekti novan estraron antaŭ ol scii, kiun urbon la Kongreso preferas por instali la federacian oficejon.

Poste ni esploris inter la plej karakterizaj urboj la eblecon de tiu translokigo kaj post ekkono de atentindaj opinioj, kiuj koincidis kun la penso de la plimulto de la estraranoj, ni alvenis al la konkludo, ke Madrid devas esti nia nova —kaj porĉiama— federacia urbo. Ankaŭ tio estas la opinio de madridaj samideanoj, sed ili petis al ni prokrasti la translokigon, ĉar en la nuna momento ili ne estas en kondiĉoj surporti tiun taskon. Kvankam ni devas agnoski ke en Madrid laboras tre valoraj, aktivaj kaj entuziasmaj esperantistoj, bedaŭrinde ili estas tre malmutaj, do ni devas atendi ke ili plinombriĝos kaj ke ili konsistigu fortan masivan blokon, kapablan preni la direktilon de nia Federacio. La valenciaj samideanoj, konsciante pri sia devo, konsentas daŭrigi en sia ĝisnuna laboro ĝis kiam la madridanoj informos nin, ke ili jam estas pretaj.

Nun ni jam povas elekti la novan Estraron. Ĉiuj membroj povas elekti la personojn, kiujn ili konsideros plej taŭgaj. Sed tial, ke multaj esperantistoj ne konas la plej karakterizajn membrojn, indajn aparteni al la Estraro, ni kutimis proponi kanditataron, kun la rajto por la voĉdonantoj anstataŭigi iun aŭ kelkajn kandidatojn laŭplaĉe. Ĉijare ni havas la grandan avantaĝon, ke la afero prokrastiĝis ĝis la Kongreso, ĉar ĝi mem povas proponi tiun kandidataron. Do dum nia venonta nacia kunveno en Zaragoza, la federacia membraro devas pritrakti la proponotan kandidataron por la balotado, kiu okazos post la Kongreso per voĉdoniloj sendotaj kiel kutime al ĉiuj membroj.

| La Prezidanto, | La Sekretario, |
|---|---|
| *D-ro Daniel Llorens* | *Vicente Santamaría* |

---

## MUZIKA KAJ MONDLINGVA KONKURSO "ARIEL"

**Laŭ interkonsento kun la inicianto S-ro Gino Catarzi, ni plilongigis la limtempon de la konkurso ĝis la 20-a de Aŭgusto 1954. Tiu plilongigo tamen ne rilatis la branĉon «Laŭro Verona».**

**Kondiĉoj kaj informoj aperis en BOLETIN n.° 59 (Novembro 1953), paĝo 544.**

**NOTO DE LA REDAKCIO. — Ĉar unu el la branĉoj de tiu konkurso estas *hispanlingva* traduko el originala esperantlingva poeziaĵo, ni insiste rekomendas al ĉiuj verkemaj hispanaj** samideanoj strebe konkuri en la konkurso, kiu rekompencos la gajnintojn ne nur per honoro, sed ankaŭ per monpremioj, kiuj sumas 50.000 italajn lirojn.

# NOVAJ LIBROJ

*Recenzistoj esprimas ĉi tie siajn proprajn juĝojn pri verkoj. La Redakcio kaj la Estraro de H E F estas tute sendependaj de iliaj opinioj.*

**IVAN LA SESA.**—Historia kvinakta tragedio, verse originale verkita de Geraldo Mattos. Formato: 18 x 12'5 cm. — 144 paĝoj kun trikolora kovrilo. Eldono de Kultura Kooperativo de Esperantistoj — Río de Janeiro (Brazilo). — Prezo: 52 pesetoj, akirebla ĉe Libro-Servo de Hispana Esperanto-Federacio.

La intrigoj en reĝaj palacoj, ofte makulitaj per sango ankaŭ reĝa, estis daŭre loga temo por la muzoj de romantikaj poetoj.

Ŝajne pro tio, Geraldo Mattos, la juna brazila trobadoro, kiu alte famiĝis, laŭ ritmo de siaj delikataj kaj variaj poemoj, ĵus agordis malnovan liŭton kaj, en rolo de moderna bardo, aroge penetris en la historion, kaj eĉ en la animon, de la rusa popolo por majstre prikanti per sonoraj versoj la malfeliĉan vivon kaj tragikan morton de Ivan la Sesa, tiu kompatinda caro, sanktoleita kiam apenaŭ unujara infano, kiu fariĝis viktimo de kruelaj uzurpantoj; kaj, anstataŭ ĝui la pompon de brilaj salonoj aŭ la riverencojn de flatemaj korteganoj, li spertis nur la mizeron de karceroj kaj la batojn de fiaj provosoj, kiuj fine murdis lin per klingo de ponardo, por definitive firmigi la tronon de Katarino, la Granda.

La lerta strukturo de ĉi tiu ampleksa originale verkita teatraĵo estas plenrajta konfirmo, ke ĝia juna aŭtoro superis la etapon de amatoreco; kaj nun, kvazaŭ jam plenkreska kondoro, rapide li iras okupi, per decidaj flugoj, elstaran lokon en la esperantista Parnaso.

Jes, Geraldo Mattos verŝis malavare la esencojn de sia poezia talento sur la kvin trafe konstruitajn aktojn de la tragedio, envolvante ilin per la ĉarmo kaj sorĉo de belegaj versoj, kiuj estas: jen subtilaj en sia ironio, jen profundaj en sia filozofio, sed ĉiam klaraj, tre klaraj, ege klaraj kaj simplaj en sia metriko.

La papero estas bona kaj la teksto facile legebla. Nur bedaŭre, ke la bildo sur la kovrilo estas malpli ol mezkvalita el arta vidpunkto; ĝi aspektas tro naive, kvazaŭ ilustraĵo por infanoj. Al tiel bonkvalita volumeto decas nur bonkvalita eksteraĵo. Tamen... la enhavo troviĝas en la letero kaj ne en la koverto; ŝekve, la enhavon de ĉi tiu valora libro varme mi rekomendas al ĉiuj frandemaj amikoj de la originala literaturo en Esperanto.

*Luis Hernández.*

**LA MONDPOPOLO** (The World People), Informilo de la Mondcivitana Respubliko, eldonita de The Commonwealth of World Citizens, 27 Red Lion Street, London, W. C. 1, Anglujo.

Ni ricevis la sesan numeron de tiu interesa informilo, raportanta la duan ĝeneralan asembleon de la Mondcivitana Respubliko, okazintan en Londono dum la pasinta Novembro. Ankaŭ venis, kune kun la gazeto, aparta folio klariganta, kio estas tiu respubliko, organizo eldonanta ĝin. Aperas interesaj rezolucioj kaj inter aliaj estas rimarkindaj: «Organizita rezisto aŭ protesto ne estas funkcio de la Respubliko, sed en taŭga maniero kaj al la ĝustaj homoj ĝi povus atentigi pri malbonaĵoj. La maksimuman efikon ĝi atingus per ekzemplo», kaj la plej grava por la esperantistoj: «ke la esperanta nomo de la respubliko, Mondcivitana Respubliko, aperu sur ĉiuj korespondaĵoj antaŭ la traduko de la nomo en la lingvo aŭ lingvoj de la ekspedanta lando». Tio montras la grandajn antaŭenpaŝojn de nia lingvo en ĉiu speco de internaciaj movadoj, ĉu intelektaj, ĉu sciencaj, ĉu sociaj, kie la bezono por la uzado de la helpa lingvo estas pli videbla.

Fine, mi deziras diri, ke mi ne komprenas pro kio ekzistas la Movado por la Mondfederacio, la Movado por la Mondregistaro, la Movado por la Mondparlamento kaj fine la Mondcivitana Respubliko, sen paroli pri nia simpatia Universala Ligo. Ĉu ne estas tro multe da asocioj kun celoj tre proksimaj?

*Leganto.*

# DIVERSAĴOJ

***Ĉiu membro de nia Federacio aŭ abonanto de nia bulteno, sendinta solvon de enigmo, gajnos unu poenton. Gajnintoj de 10 poentoj ricevos libropremion. Ni akceptos solvojn ĝis la 1-a de Aŭgusto.***

Sendis korektan solvon de la enigmoj N-o 5, 6 kaj 7 jenaj samideanoj: A. Pérez Saura, V. Perles, E. Miralles, A. Candela, J. M. Fontcuberta, S. Roca, M. A. Perles, P. Naranjo kaj V. Monsalve. De la enigmoj N-o 5 kaj 6, A. Escamilla kaj O. Corrons. De la N-o 5 kaj 7, A. Núñez. De la N-o 6, A. Criach. Al ĉiuj ni asignas unu poenton por ĉiu solvo.

Rilate la enigmon N-o 4, ni ricevis kelkajn solvojn sed ili ne kongruas kun tiu de la aŭtoro, kiun ni publikigis en la junia numero. Laŭvide tiu enigmo havas multajn solvojn. Inter la ricevitaj, estas unu tre kurioza, ĉar ĝi montras unu solan prezon anstataŭ du kiel prezentis la aŭtoro. La sendinto de tiu solvo estas S-ro E. Miralles, kaj ĝi estas la jena:

Al la unua virino la vendistoj vendas la bananojn laŭ porcioj de 11 bananoj, tiom da porcioj kiom ili povas ĝis la maksimumo, kaj al la dua virino ili vendas la reston laŭ unuopaj bananoj. La unua vendisto vendas al la unua virino 2 dekunuojn kaj restas 8 bananoj; la dua vendisto, 3 dekunuojn kaj restas 7 bananoj; la tria vendisto, 4 dekunuojn kaj restas 6 bananoj. Al la dua virino ili vendas respektive la restantajn 8, 7 kaj 4 bananojn je la sama prezo po unuo kiel tiu fiksita po dekunuo por la unua virino.

Nomante A la komunan prezon, ĉiu vendisto enspezas:

2A + 8A; 3A + 7A; 4A + 6A; tio estas 10A (la sama kvanto).

### SOLVO DE LA ENIGMO N-o 5

*Horizontale:* 1 Oras, muld. 2 Polip, varii. 3 Emani, ijarf. 4 Otol, zono. 5 Ino, alo. 6 Op, il, ĝi, im. 7 Varm, kuri. 8 Are, ono, lak. 9 Do, ojola, di. 10 Akademi. 11 Gramofono.

*Vertikale:* 1 Ope, kovado. 2 Romo, paro. 3 Alati, re, ar. 4 Sinonim, oka. 5 Pilol, ojam. 6 Anodo. 7 Vizaĝ, olef. 8 Majolik, amo. 9 Urano, ul, in. 10 Liro, irad. 11 Dif, amikin.

### SOLVO DE LA ENIGMO N-o 6

O
O N I
O N K L O
I L I
O

### SOLVO DE LA ENIGMO N-o 7

IN-TE-LI-GEN-TA

## ENIGMO N-o 9

Krucvorta enigmo, de Juan Devís. Figuro: sama kvadrato aperinta en nia antaŭa numero.

*Horizontale:* 1 Karesa, konsentite. 2 (inv) Aparato por elfluado de akvo, (rad) parto de la tago. 3 Miela, (rad) prepari artifikon por malutili iun. 4 (rad) Amaso da grenpajlo, komenciĝas. 5 Rilata al idonaska sekso, (rad) deĉifri. 6 Komparativa konjunkcio, sekve, (rad) lirika poemo, kolekta sufikso. 7 Bonfarta, enhavanta grasan fluaĵon. 8 Superlativa adverbo, (rad) ekstera krusto de arba trunko, (rad) ujo por kolekti voĉdonilojn. 9 (rad) Estonta ido de iu klaso de besto, (inv) ĉirkaŭo de la homa korpo, sufikso. 10 Fam. el unukotiledonaj veg. kun belaj floroj. 11 Internacia helpa lingvo.

*Vertikale:* 1 (rad) Kolekto da leĝoj, trinkoj por sukceso aŭ honoro. 2 (inv) Brui harmonie, (rad) unua formo de insekto post ĝia eloviĝo. 3 Rapide sin levi tutkorpe de tero, kontraŭeca interjekcio, verba finaĵo. 4 Monto kie okazis la oficiala bankedo dum la lasta hispana esperantista kongreso, (inv) kaŭze de. 5 Grajno el kiu oni faras ĉokoladon, laŭmode bonguste. 6 (rad) Febra sonĝo. 7 Sukera substanco ellaborita de abeloj, metalplata. 8 Festeno, (rad) havi en la mano. 9 (inv) Vizitanto senpage akceptata ĉe la tablo, (rad) ricevi ion por ĝin uzi dum difinita tempo pagante interkonsentitan prezon, vortero esprimanta participon. 10 Malasertis, konsistanta el spirebla nesimpla gaso. 11 Sufikso signifanta kion oni devas ...i, plezure manĝi ion.

# ☆ LA LERNEJO

## LERNU TRADUKANTE

*Inter la sendintoj de korektaj tradukoj ni distribuos premiojn, laŭ samaj kondiĉoj kiel por la enigmoj.*

Sendis korektajn tradukojn de la tasko de Majo Gesamideanoj A. Urgellés, P. Criach, A. Escamilla, A. Pérez Saura, S. Roca, A. Criach, E. E. Yelland, J. Anguita, V. Monsalve, A. Núñez, M. Ruiz Maza, M. A. Perles kaj M. Vallés. Al ĉiuj ni asignas po unu poento.

*Jen la traduko, kiun ni konsideris pli korekta:*

Pasis tre rapide la veturilo de la lernejo kaj mi apenaŭ povis distingi la vizaĝojn. La someraj uniformoj komunikis al la strato someran emocion, kaj la sunradioj sur la blankaj dorsoj kaj brakoj tre bone diferencigis la harojn blondajn de la haroj nigraj. La bruego estis tiel granda, ke ĉiumatene, kvankam mi estus malproksime en la fundo de la domo, mi eliris sur la balkonon por vidi tiun fulmon. La knabinoj sciis tion kaj rigardis supren, certaj renkonti min, kontentaj pri ĉi tiu ĉiutaga ideala rendevuo, kaj tiel mi povis, mateno n post mateno, klasifiki la rigardojn, ĝis halti sur okuloj malsamaj ol ĉiuj aliaj, malhelaj aŭ helaj, laŭ la lumo, sed ĉiam diferencaj de la ceteraj. La rendevuo jam fariĝis unika, kiel en astronomia leciono, kiam ĉiuj eksplikoj konverĝas al unu sola stelo, kaj la ceteraj okuloj rimarkis ĉi tiun preferon, kaj unu matenon, nur la ŝiaj restis pendantaj de mia balkono.

*Kiel novan taskon, ni prezentas alian pecon de la sama romano:*

**Al levantarme de la mesa de juego, sentí de improviso, sobre mis hombros, dos manos que me arrastraban a un extremo del salón con una familiaridad que me dejó suspenso. Repuesto de mi sorpresa, pude reconocer a mi amigo. Era un antiguo compañero de viaje, que, durante mucho tiempo, el azar había puesto a mi lado en los lugares más remotos. Llegamos a intimar como sólo se intima en dos literas del camarote de un barco de cabotaje. Hacía mucho que no nos veíamos, y esto dió a nuestra charla un interés extraordinario. Mi amigo se había casado hacía dos años, tiempo que pasó en el extranjero al frente de los negocios de su suegro, y ahora se establecía definitivamente en la ciudad.**

## LINGVA KONSULTEJO

Ni ricevis afablan leteron de madrida samideano M. R. M., en kiu li skribas havi dubojn pri la ĝusta traduko de jenaj frazoj: El saber cantar exige voz y aprendizaje; el caminar día y noche fatigole en extremo; iba yo a marcharme sin dinero; iba a irme cuando llegó mi amigo. Jen la traduko: la kantoscio postulas voĉon kaj lernadon, aŭ: por scii kanti necesas voĉo kaj lernado; piediradi tage kaj nokte lacigis lin ekstreme, aŭ: la taga kaj nokta piedirado lacigis lin ekstreme; mi estis forironta sen mono; mi estis foriron ta kiam alvenis mia amiko, aŭ: mi estis preta foriri kiam alvenis mia amiko. Samideanajn salutojn.

---

# HISPANA KRONIKO

*SABADELL.*—La 27-an de Junio okazis la omaĝo al Pastro P. Marcos Lliró, S. P., enkondukinto de Esperanto en Sabadell antaŭ 50 jaroj. Paroladis S-ro Casas, urbkonsilanto, S-ano Viver, redaktoro de la Esperanto-fako de Radio Unión, de Barcelona, S-ro Pedro Pascual Salichs, prezidanto de la Organiza Komitato, kaj D-ro Mariano Solá. Oni legis diversajn salutleterojn kaj poeziaĵon de S-ano F. Vilá. Oni oferis al la omaĝato surskribitan pergamenon, tre arte ornamitan de S-ro Maurí Espadaler kaj fine oni malkovris memorŝtonon, rilatan al tiu evento. Pastro Marcos respondis al ĉiuj dediĉoj per facilaj, mildaj kaj simpatiaj vortoj. La festo estis agrabla kaj sukcesa.

## ANONCETOJ

● Du junaj francaj fervojistoj ĵus finintaj Esperanto-kurson intencas viziti Hispanujon dum venonta Aŭgusto. Vojaĝos per motorciklo kaj tendumos. Deziras kontakti kun hispanaj esperantistoj. Skribu kiel eble plej baldaŭ al ilia instruistino K-dino Blary, 45 Rue de Vauxhall, Arles, Bouches-du-Rhone, Francujo.

● S-ro Francisco Navarro, Apartado de Correos 170, Cartagena, Hispanujo, fabrikas kaj vendas bonegajn spongojn marko «Verda Stelo».

● Esperanto-vegetaranoj en Izraelo intencas renovigi la revuon «Vegetarano». Interesuloj skribu al Zamenhof-Fondo, Jerusalem, p. k. 804, Izraelo.

● Juna lernanto deziras korespondi kun ĉiuj landoj pri ĉiuj temoj. S-ro Emilio Pérez Callejón, Literato Azorín, 15, 5.ª, Valencia, Hispanujo.

● Mi ŝatus posedi materialon, en kia ajn lingvo, pri kostumitaj bataldancoj kun glavoj kaj bastonoj. Rekompencos laŭdezire S-ro Marinko Ĝivoje, str. Vodnikova, 19, Zagreb 1, Jugoslavio.

● La Filatela Sekcio de H. E. F. petas specimenojn de la esperanta poŝtmarkstampo uzita en la Kongreso en Manresa, 1936. Bonvolaj samideanoj dezirantaj helpi skribu al S-ano Evaristo Gil, Apartado 875, Barcelona.

● Esperantista Kultur-Domo Gresillon, Bauge (Maine et Loire), Francujo, finpreparis sian programon por 1954, okazonta meze de granda parko, sub milda klimato, en komforta kastelo kaj amika rondo. Bonvole petu la kompletan programon, sendante respondkuponon, al ĉi-supra adreso.

● «Internacia Katolika Esperanto-Unuiĝo» intencas aranĝi paralelajn Esperanto-kursojn en ĉijara aŭtuno. Instigojn kaj proponojn sendu al: Redakcio «Espero Katolika», str. Kasperspad 91, Dordrecht, Nederlando.

● Deziras korespondi kun geknaboj Okumura Rinzo, ĉe Ikuno Altlernejo, Ikuno-Osaka, Japanujo.

## ESPERANTO EN LA RADIO

| | | |
|---|---|---|
| *Lunde:* | 22·35 – 22·40 | 513 m., 48·74 m., 25‘46 m. Wien. |
| *Marde:* | 12‘55—13‘00 | 75‘28 m., 48·66 m., 31‘46 m., 16·87 m. Bern. |
| | 18‘35—18·40 | 75‘28 m., 48·66 m., 31‘46 m., 19·60 m. Bern. |
| *Merkrede:* | 18‘50—19·10 | 49‘22 m., 31‘35 m. Roma. |
| | 20‘30—20·45 | 360 m. Barcelona |
| | 23‘15—23·20 | 298 m., 188 m. Hilversum. |
| *Jaŭde:* | 9·30— 9·45 | 348 m. París. |
| | 12‘55—13·00 | Kiel marde. Bern. |
| | 18‘35—18·40 | Kiel marde. Bern. |
| | 23‘15—23‘45 | 200 m. Valencia. |
| | 24‘05—24‘30 | 264‘7 m. Zagreb. |
| *Vendrede:* | 18·50—19·10 | Kiel merkrede. Roma. |
| *Sabate:* | 23‘15—23‘20 | 402 m. Hilversum. |
| *Dimanĉe:* | 13‘30—14‘00 | 250 m. La Coruña. |

## DONACOJ AL NIA BULTENO

**Antaŭa sumo 1.904 pesetoj.**

**S. Cubero, 10 pesetoj.-N. Pelayo, 10.-U. Gómez, 10.—A. Ballestín, 10.—J. López, 10.—R. Vizcaíno, 25.—P. Parra, 35.—D. Dalmau A., 5.—M. Salom, 40.—M Alamo, 15.—E. Albalat, 10.—S. Martínez, 5.—J. Bosch, 50.—M. Menleón, 10.—A. Pont, 10.—J. Régulo, 35.—P. Guzmán, 13.—Grupo Oviedo, 60.—J. Grifé, 10.—R. Molera, 7.**

**Entute 2.284 pesetoj.**

Donacoj por la Fondaĵo Montevideo

**Antaŭa sumo 765 pesetoj.**

**M. Salom, 20.—M. López Serna, 5.—J. M.ª Bernabeu, 10.—Grupo Bilbao, 110.—R. Molera, 30.**

**Entute 940 pesetoj**

***Koran dankon al ĉiuj donacintoj.***

● K. A.—Korespondenzdenst, Postfach, (13-a) Schwandorf in Bayen, Germanujo, peras korespondadon inter katolikoj el diversaj landoj, precipe inter sacerdotoj, geinstruistoj kaj gestudentoj.

● Dudek-kvin diversaĝaj gelernantoj de Esperanto deziras korespondi kun samideanoj en la tuta mondo. Skribu al S-ro Luís García Fernández — Grupo Esperantista de «Educación y Descanso», strato San Juan, 10, Oviedo, Hispanujo.

PERIS-GRAN VIA M. TURIA, 28-VALENCIA